# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo·
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

aprilo 1999






La urbestrino en Zagreb disponigis novajn ejojn al esperantistoj

Osijek invitas al la Tria kongreso de kroataj esperantistoj en majo

Esperanto peris inter Kroatio kaj Japanio

La nova lernolibro de Esperanto laŭ la Zagreba Metodo


ISSN 0352-1583

# KARAJ LEGANTOJ,

Jen la lasta printempo antaŭ ni kiu en si portas la jaron 199... La jaron 1998 ni finis per la grava jubileo - 90 jaroj de Esperanto en Zagreb. Ni festis ĝin digne, preskaŭ 700 homoj partoprenis en diversaj jubileaj decembraj festoj. La fotoj dokumentas pri la multkapa orkestro (kiu muzikis por ni, direktita per la muzikbastoneto el la jaro 1922 el nia arkivo) kaj pri la granda festo de la zagreba aktorino Vida Jerman - 25 jaroj de ŝia laboro por Esperanta teatro. La 90-jaran jubileon ni celebris ankaŭ per porokaza filatelia stampo, kun la dato de la unua kunveno, la 28an de decembro 1908.




La printempaj tagoj alportis al ni gravan eventon: KEL ricevis leteron de la urbestrino de Zagreb, Marina Matulović Dropulić pri disponigo de la novaj ejoj en kiuj ni povus trankvile konstrui kondiĉojn por la Universala Kongreso de Esperanto en la jaro 2001. Kvankam ankoraŭ ne ĉio estas pritraktita, ni jam inspektis la eventualan estontan adreson en la urbocentro en str. Kneza Mislava 11, tria etaĝo. Sur la foto Ankica Jagnjić dum la unua vizito al la nova adreso de Esperanto en Zagreb. La novaj ejoj estas en malbonaj kondiĉoj kaj ni devus investi multe da energio kaj mono por ebligi ilian funkciadon. Sekve nia adreso dum la venontaj monatoj restos en Amruševa 5.

Zlata Flego trovis en la arkivo interesan dokumenton el la pasinteco de Amruševa 5: la unuan protokolon pri la transporto de piano al Amruševa. Tien ni enloĝiĝis en aprilo 1947. Pasis 52 jaroj. Bela tranĉo el la tempujo.

Intertempe ni daŭrigas labori. SEK okaze de 40 jaroj de Drama grupo surscenigis novan teatraĵon, KEJA febre preparis la 6an MIROn en Zadar, en Osijek bone evoluas la preparoj por la Tria kongreso de la kroataj esperantistoj en majo. Pluraj homoj aliĝis al la karavano de *Orbis Pictus* al Berlino. KEL preparas la 8an kroatlingvan eldonon de la lernolibro laŭ la Zagreba Metodo. Ĉu vi bezonas ekzempleron por iu amiko?






La Honora Komitato por la jaro 2001 kolektis ĝis nun respektindan aron da akademianoj, politikistoj, kulturuloj... Ni ektraktis kun la konata dana skulptisto Jesper Neergaard el Danlando la demandon ĉu Zagreb povus, simile kiel faris la urbo Graz, starigi monumenton al Esperanto en la jaro 2001.

Nia venonta eldonaĵo estos la Kongreslibro de Osijek. La anonima desegnaĵo el 1886 ornamas nian titolpaĝon. Ĝi prezentas nian kongresejon en Osijek, nuntempe unu el la plej luksaj ejoj en la urbo, post la milito renovigitan Županijska komora.

*Tempo* esperas reveni al vi en la aŭtuno!

*S. Štimec*


# *Tempo*

Jaro XVIII, numero 1/99
Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo

Amruševa 5, Zagreb
tel 385 1 481052, fakso 385 1 4817067
reto esperanto@zg. tel. hr
Aperas laŭeble kvar foje jare
ISSN 0352-1583

Redaktoris Spomenka Štimec

Kontribuis Marica Brletić, Josip Čizmić, Andrej Grigorjev, Željka Ivić, Vida Jerman, Gordana Jurina, Vladimir Kamenski, Nedeljko Korasić, Sava Matetić, Josip Pleadin, Hrvoje Sandukčić, Mori Singo, Tomislav Starčević, Vilim Strašek, Dalibor Šeatović, Spomenka Štimec, Zlatko Tišljar

Kompostis Milka Đukić kaj Spomenka Štimec

Anonctarifo 1/1 paĝo 1000 kn , 1/2 paĝo 500 kn, 1/3 paĝo 350 kn, 1/8 paĝo 200 kn.
Eta anonco 100 kn. (kovrilpaĝo duoble).

Abono
4 numeroj jare 40 kn (10 DEM)
unuopa numero 12 kn (2,5 DEM)
Bv. aldoni sendokostojn 1,5 DEM por ĉiu numero al eksterlando!

# 110 JAROJ DE ESPERANTO EN OSIJEK

## *LA UNUAJ ESPERANTISTOJ EL KROATIO VIVIS EN OSIJEK*



### LA UNUAJ ADEPTOJ

Post apero de la "unua libro" bonfamo pri Esperanto (internacia lingvo de d-ro Esperanto) estis baldaŭ akirita. Sajmare (1887) eldoniĝis krom la lernolibro por rusoj, ankaŭ la pola, angla kaj germana versioj de la sama libro. Ĉi tiu parto de la historio estas relative bone konata eĉ al komencantoj, ĉar la historion oni pristudas preskaŭ samtempe kun la lingvo mem. Malpli konatas la fakto, kiu en nia kazo estas vojmontra, ke la "unua libro" entenis ankaŭ mallongan deklaracion. Ĝi tekstis jene: *"Mi subskribinta, promesas ellerni la proponitan de D-ro Esperanto lingvon internacian, se estos montrite, ke dek millionoj da personoj donis publike tian saman permeson. Subskribo. Sur la dua flanko: Nomo, adreso. Personoj kiuj estas principe kontraŭaj al ideo de internacia lingvo aŭ neas eblon de ĝia efektivigo esis petataj resendi la karteton kun surskribo 'kontraŭ', tiuj kiuj estis pretaj ellerni la lingvon, en ĉiu okazo, sendepende de la nombro de adeptoj devis respondi 'senkondiĉe'."* [1]

La cifero de 10 milionoj da adeptoj baldaŭ akirotaj, estis nur bela revo de Zamenhof. Eĉ el hodiaŭa vidpunkto ĝi estas nereala. Sed, malgraŭ tio ke ne estis atingita la dezirata nombro, Zamenhof ricevis grandnombre la subskribitajn deklaraciojn. La deklaracioj fariĝis bazo, el kiu elkreskis adresaroj de la unuaj adeptoj. Eldonadis ilin Zamenhof persone, kaj entute aperis 29 adresaroj inter januaro 1890 kaj marto 1909. La Adresaroj n-ro I, XII, XIII, XIV, XVI ĝis la lasa XXIX aperis kiel apartaj broŝuroj, dum la serioj II ĝis XI kaj XV estis publikigitaj en la gazeto "La Esperantisto".

Por kroatoj, kiuj nur en 1991 fondis propran ŝtaton,, estas grava fakto ke dum ekzisto de eksa Jugoslavio, ankaŭ la Esperanta movado evoluis en ĝia sino. En la antaŭa komuna ŝtato de sudslavoj studis serioze la enlandan historion sed la plej serioza estis gravan bazon por plua studado estis Marinko Gjivoje el Zagreb. En sia verko *Historio de Esperanto-Movado en Jugoslavio*, kiu aperis unue en 17 daŭrigoj en la gazeto *Jugoslavia Fervojisto*, kaj poste kun kelkaj aldonoj en nur 100 ekzempleroj kiel aparta broŝuro (1965) kaj represita en la revuo "Voĉo" (Borovo) kun postaj kompletigoj, Gjivoje detale trastudis ĉiujn okazintaĵojn, bazinte la verkon sur la abunda materialo kolektita en sia privata arkivo, kaj kompletigante ilin per korespondado kun pluraj malnovaj adeptoj en la teritorio de tiama ŝtato Jugoslavio. Li prave konstatas, ke ne eblas diri kiu estis la unua kiu okupiĝis pri Esperanto. Li menciis la unuajn esperantistojn, inter kiuj troviĝis ankaŭ la kroatoj:

operkantisto Bogdan de Vulaković en Zagreb en 1905,
d-ro Vladimir Vidrić
(poeto) en Zagreb en 1905.
Kiel la unuajn grupoj Gjivoje
mencias la grupojn:
en Rijeka en 1905,
en Rijeka en 1907 – enkadre de
Societo de Privataj Oficistoj.

Tiutempe, do en la tempo de antaŭ pli ol tri jardekoj, la faktoj elmontritaj de Gjivoje povis esti konsiderataj kiel ĝustaj, sed pli poste estis retrovitaj multaj novaj detaloj de la mozaiko. Unue dank' al s-ano Boriša Milićević el Novi Sad, kiu

estis la unua serioza pristudinto de la Zamenhofaj adresaroj. Al tiu fakto multe helpis la represo de malnova libro de pola historiisto. Z. Adam (Adam Zakrzewski), kiun reelldonis Pola Esperanto-Asocio[2]. En tiu libro estis notite, ke en la plej frua periodo de Esperanto, sur la teritorio de Aŭstro-Hungario (al kiu tiam apartenis Kroatio), jam ekzistis esperantistoj. Z. Adam ĉerpis la informojn el la Zamenhofaj adresaroj, kaj do, s-ano Milićević pere de internacia Esperanto-Muzeo en Vieno akiris ilin kaj jen lia trovaĵo.

### ADRESARSERIO I

*(publikigita en Varsovio post decembro 1889) – la numeroj antaŭ la nomoj estas ordnumeroj en la adresaro. La unua adresaro entenis adresojn de 1-1000.*

342. HERGOVIC NATALIJA,
Cvietkova ulica n. 50, Esseg
(Osijek dolnji grad), R[3]
351. HRADIL ANA,
Floriangasse 35, Esseg
352. HRADIL EMMY,
Floriangasse 35, Esseg
353. HRADIL GUSTI,
Floriangasse 35, Esseg
689. PILLEPICH MARIA MAGD.
(Pilepiĉ Marija Magdalena),
Kirchengasse 21, Esseg.
PROVIZORA FOLIETO 1
(de la 1-a de oktobro 1895 ĝis
la 15-a de majo 1896)
3720. Semlin (=Zemun), Kroatujo,
Aŭstro-Hungarujo. – Volkssparkase
– Leopold Julius Gallian

### ADRESARSERIO XVII

*(oktobro 1895 – oktobro 1987)*

3648. Egon Moŝe, leŭtenanto de la
38-a artileria regimento, Esseg
En la sama serio aperas denove
la nomo aperinta en la provizora
folieto 1, sed kun nova ordnumero:
3883. Leopold Julius Gallian

### ADRESAROSERIO XVI

*(januaro 1905 – oktobro 1987)*

11202. Zagreb, Croatien, A.-H.,
Kukoviĉeva ul. 34 – Stijepo Ferri
12567. Zara (=Zadar), Dalmatio,
A.-H. – Vincenz Rebelli Edler
von Sturmfest

Laŭ la Adresarserio n-ro I, kiu aperis en 1890 (malgraŭ la malĝusta jarindiko 1889 sur la frontpaĝo), kaj entenis la unuajn mil adresojn, estas videble, ke inter la unuaj adeptoj troviĝas ankaŭ kvin virinoj el Esseg (nuntempe Osijek). Kiam s-ano Milićević informis pri tio la osijekajn




esperantistojn, ili tuj komencis serĉi en la arkivoj en Osijek, sed la trovitaĵoj estas relative koncizaj:[4]

342. Hergovic Natalija – pri ŝi estas trovitaj neniaj informoj.

351, 352. kaj 353. ANA, EMMY kaj GUSTI HRADIL estis fratinoj. La kapo de la familio estis la vidviniĝinta patrino pri la patro mankas informoj). Krom la tri fratinoj, en la familio supozeble esis ankaŭ frato Dragutin. La plej aĝa estis ANA (naskiĝis en Osijek en 1865). Dum la lerneja jaro 1877/78 en aĝo de 12 jaroj ŝi frekventis la kvaran klason en la osijeka real-lernejo, kiun ŝi verŝajne sukcese finis, ĉar ŝiaj lernejaj notoj igas konstati, ke ŝi estis escepte talentita.

En 1868 naskiĝis GUSTI (Augusta) kaj MARIJA, kiuj verŝajne estis ĝemelinoj. Marija mortis en la aĝo de naŭ jaroj. La plej juna EMMA naskiĝis en 1871. Ŝian nomon ni renkontas kune kun la nomo de la lasta el la kvin esperantistinoj.

689. PILLEPICH MARIA MAGD.

Pri ia teatraĵo porinfana, okazinta la 30-an de januaro 1890 en la osijeka kazino en Dolnji grad, skribis la tiutempa germanlingva gazeto "Die Drau". En la artikolo estis notite, ke en la teatraĵo ludis Emma Gradil, kaj ke la programo estis organizita far' la ŝipkapitano Eduard Pilepiĉ.

*Josip Pleadin*

---

1. Laŭ informo en la libro de L. Courtinant: "Historio de Esperanto 1887/1913", unua volumo, Bellerive-sur-Allier, Francio, 1964.
2. *Historio de Esperanto*, eldonita okaze de la 25-jara jubileo de Esperanto.
3. Malĝuste notite R. (Rusujo) aŭstataŭ A.-H. (Aŭstro-Hungarujo). Pro tiu eraro tre longe ne estis konataj la unuaj esperantistinoj el Osijek.
4. Antun Šimunić: *Obstine antaŭen.*

# MILITO EN JUGOSLAVIO

En la lastaj tagoj de marto komenciĝis la atakoj de NATO al Jugoslavio, celantaj haltigi la agreseman politikon de Slobodan Milošević. Pluraj centmiloj da albanoj devis rifuĝi el Kosovo. Ni kunsentas kun ĉiuj suferantoj kaj publikigas poemon de la albana poeto el Kosovo *Rrahman Dedaj* (1939).

## LA MARDO

La mardo estas.
Hodiaŭ venas miaj vilaĝanoj
Kaj vendas bazare
la koron de mia patruj'.

Dum mardo verda
Dum mardo flava
Dum mardo kun pluv'...

Ni eliras al la plac'
Kaj aĉetas po pecon
de matura somer'
Po pecon de la mardo
de vilaĝanoj miaj

Post reveno hejmen
Kun po stelo brulanta surfrunte
Ili pli riĉas je unu mard'
Kaj pli grandas je unu am'
Lasitan al ni sur la tabloj de la
blanka urb'.

La mardo en la okuloj
de knabinoj
Kiuj aĉetas ĉe l' bazar -
Florojn de mia patruj'
La mardo de la infanoj
kiuj aĉetas
Pomojn el or' de mia sang'

El la albana por *Fonto*
Nikola Rašić

# OSIJEK INVITAS VIN!

## LA TRIA KONGRESO DE KROATAJ ESPERANTISTOJ

Kiam? La 29an-30an de majo 1999
Kie? La kongresejo: Županijska komora Osijek
Europska avenija 13
aŭspicianto: **Glas Slavonije**

**La adreso de la societejo:**
**HR 31000 Osijek**
**Kamila Firingera 3 (Tvrđa)**

Telefonaj detaloj antaŭ la kongreso
ĉe Davor Klobučar
031/233 494

## 110 jaroj de Esperanto en Osijek

Esperanto-Societo *Liberiga Stelo* el Osijek festas en la jaro 1999 eĉ 110 jaroj de post la unua mencio pri Esperanto en la unua adresaro de Zamenhof 1899. Okaze de tiu grava dato en la historio de la tuta Esperanta historio de Kroatio, Osijek fariĝis la gastiganto de la Tria kongreso de kroataj esperantistoj. Esperantistoj de Kroatio kun siaj gastoj el eksterlando vizitas la urbon Osijek en la tempo kiam ĝi estis proponita por la monda heredaĵo de UNESCO. Ĉu en la jaro 2000 ĝia historia remparo *Tvrđa* estos elektita por la UNESCO-listo de la plej gravaj lokoj de la mondo?

### Kiel alveni al Osijek?

Du karavanoj proponataj, trajna kaj aŭtobusa

Kroata Fervojista Esperanto-Societo proponas kunveturi en speciala vagono de Kroataj Fervojoj, en la trajno ekironta el Zagreb matene revenanta vespere. La prezo de la revenbileto en la fervojista vagono estas 10 kn.

Aŭtobusa karavano de Orbis Pictus

Por helpi al la kongresanoj tranokti malmultekoste, *Orbis Pictus* el Trieste organizis en Pecs en Hungario apartan tranoktaranĝon. La vojaĝo kun la vizito al Hungario startos el Zagreb vendredon je la matene kaj kostos 148 kn kaj 40 DEM.

### EN LA KONGRESA PROGRAMO:

- prezento de la libro Josip Kozarac *Slavonia arbaro,* trad. D. Klobučar
- lanĉo de la nova turisma prospekto de Osijek
- urbotrarigardo
- meso en la kapuĉina monaĥejo
- lanĉo de la nova Esperanto-lernolibro laŭ Zagreba Metodo
- ekskursoj al Đakovo kaj Vukovar (dimanĉon, nur por aliĝintoj)
- koktelo kun la produktaĵoj de Slavonio
- gustumado de vino el la keloj de Slavonio

# Forpasis Velimir Lukež



La 21an de februaro 1999 forpasis 87jara Velimir Lukež. Li naskiĝis en Triesto sed ekde la jaro 1912 li vivis en Zagreb, kie li postenis ĉe fervoja entrepreno dum 40 jaroj. Li esperantistiĝis en la jaro 1952 kaj ĝis 1999 multe aktivis inter la zagrebaj esperantistoj. Interalie li okupiĝis pri sporto, montgrimpado, filatelio, interesiĝis pri historio kaj lingvistiko. Li multe ŝatis Zagreb kaj estis ties oficiala Esperanta turisma gvidanto. Li multe instruis kaj ofte prelegis kaj havis diversajn gvidtaskojn en Fervojista Esperanto-Societo. Li aŭtoris la Esperantan gvidlibron pri Zagreb kiun kun 120 koloraj bildoj okaze de 900 jaroj de Zagreb kaj 100 jaroj de Esperanto FES eldonis en 1987. Lia traduko de *La sorĉistino de Grič* de Marija Jurić Zagorka ĝis nun ne estis publikigita.




La zagreba fervojista rondo perdis sian plej meritoplenan anon kaj ne forgesos lian altruismon kaj erudicion. Al li la zagrebaj fervojistoj esprimas grandan dankon kaj kondolencon al la familianoj.

*Marica Brlekić*

## Esperanto ĉe la Kroata TV

La 18an de februaro 1998 prestiĝa kroata TV elsendo pri kulturo *Pola ure kulture* dum pluraj minutoj parolis pri Esperanto.

La elsedon iniciatis Vida Jerman okaze de la 25 jara jubileo de ŝia por esperanta teatra agado. Partoprenis Dalibor Brozović, prezidanto de KEL, Vida Jerman, verkisto Slavko Mihalić kaj kritikisto Igor Mandić.

Dum Slavko Mihalić parolis negative, la fama kroata kritikisto favoris Esperanton.

Igor Mandić pri Esperanto parolis jene:

Esprimante la identecon per sia lingvo oni senkulpigas sin kial malami aliajn. Tial ĝuste la kvalito de Esperanto estas en la espero, enhavanta ĝian nomon, ke ĝuste per la internacia lingvo oni superos la naciismon.

La latina estas tro komplika, tro malfacila por lernado. La grandeco de Esperanto estas en ĝia efikeblo. Ĝi estas unue kunmetita tiel ke multaj homoj el ĝermanaj, romaniaj kaj slavaj lingvoj ekvide ĝin rekonas...

*Nedeljko Korasić*

## Preparoj por 2001

Kadre de la preparoj por la Universala Kongreso de Esperanto en Zagreb en jaro 2001
zagrebaj esperantistoj renkontiĝas ĉiun unuan merkredon. Jen la marta sesio pri Internet, kiun gvidis Ankica Jagnjić.



## Hrvatska Kostajnica



Vladimir Dujnić, la premiito de la revuo *Feniks* por la plej bona lingvoscio en la koresponda kurso, reprezentis esperantistojn en *Happy Hippo Show* en Zagreb, gvidita de reĝisoro Šamil Fatakov kaj financita de Granda Dukestro de Luksemburgo kaj organizita de la kroata bahaja organizo. Per la premio de KEL li partoprenis en Kassel ĉe Internacia Seminario kaj en februaro li reprezentis KEJA kun Saša Đukić en la aranĝo de Ŝtata instituto por protekto de familio kaj junularo. La aranĝo celis instrui pri prevento kontraŭ drogoj. En aprilo li estis helpanto de *Orbis Pictus* ĉe Internacia Festivalo en Rimini.

## Varaždin

Post la organizo de la Dua kongreso de kroataj esperantistoj, Esperanto-Societo *Božidar Vančik* el Varaždin organizis Esperanto-kurson, planas sendi sian reprezentan al Berlino kaj organizas grupan viziton al la Tria kongreso de kroataj esperantistoj. En 1999 esperantistoj en Varaždin festos sian 75jaran jubilleon.




Sur la fotoj de Željka Ivić la novnaskito Josip Kelava, admiranta sian unaun Esperantan donacon.

*Ž. Ivić*

## Jacques Yvart en Zagreb?



Kroata Esperanto-Ligo proponis al la direktoro de la Franca Instituo en Zagreb Robert Horn inviti por la zagreba aŭtuna festivalo la faman francan kanzoniston Jacques Yvart. Oni traktas kun Jacques Yvart pri aldona Esperanto- koncerto en la kazo se li venus al Zagreb. Ĉu la zagreba Esperanta publika havos la eblecon admiri la repertuaron de la sekvanto de George Brasens, kies pacprogramo entuziasmigis la publikon en UK en Montpellier? La responodon ni scios aŭtune.

*S. Štimec*



# En Mirkovci mortis Marko Petrović

Marko Petrović post sia enloĝiĝo en Mirkovci apud Vinkovci transprenis plurajn taskojn en la LKK de la Tria kongreso de kroataj esperantistoj en Osijek.

Li planis dum la ekskursa tago inviti kongresanojn al sia hejmloko por ekkoni la etoson de la slavonia vilaĝo kaj decidis por la kongreso traduki la novelon *Slavonia arbaro* de Josip Kozarac. La morto malhelpis liajn planojn. Li estis enterigita la 28an de februaro 1999, postlasante al esperantistoj multajn tradukojn el la jugoslaviaj literaturoj. En Kroatio liaj orginalaj versoj estis publikigitaj en *Ilia tosto je nia kosto*.

Li kontribuis per siaj tradukoj interalie al la antologio *En tiu terura momento* en 1998.

Tempo publikigas la lastan februaran foton de Marko, kiam li fotiĝis por la kongresa libro de la Tria kongreso de kroataj esperantistoj en Osijek.

Davor Klobučar intertempe anstataŭ Marko tradukis la *Slavonian arbaron* por la kongreso.

*S. Štimec*

# KEL en la Urba Asembleo

La prezidanto de la Urba Asembleo Zlatko Canjuga akceptis la 19an de januaro delegacion de KEL por trakti pri Universala Kongreso de Esperanto en la jaro 2001. La delegacion ( S. Štimec, R. Milošević, D. Šeatović) gvidis la prezidanto de KEL akademiano Dalibor Brozović.

La prezidanto de la asembleo akceptis informojn pri la Universala Kongreso kaj anoncis la helpin de la Asambleo.

*S. Štimec*

# Barkoj el akvo

estas la titolo de la nova kroata antologio en Esperanto, eldonita en Zagreb de Internacia Kultura Servo en 1998. La libro enhavas dudek du kroataj nuntempaj aŭtoroj el la epoko 1970-1955 tradukitaj de naŭ kroataj tradukintoj, elektitaj de Julijana Matanović kaj redaktitaj de Ivan Špoljarec.

Ĉu la antologio helpos ponti la kroatan literaturon al aliaj lingvoj, kiel jam ofte okazis pri la kroataj Esperanto-libroj?

La tradukojn prizorgis Lucija Borčić, Ivo Borovečki, Ivan Špoljarec, Slavica Babinka, Zdravko Seleš, Josip Pleadin, Klaus Dahmann, Maja Tišljar kaj Nikola Rašić.

*S. Štimec*



BARKOJ EL AKVO

ELEKTITAJ KROATAJ NOVELOJ 1970 - 1995

# Fervojistoj kaj la jubileanta KFEA




Kroata Fervojista Esperanto-Asocio el Zagreb festos sian 45jaran jubileon en 1999. La asocio estis fondita la 23an de decembro 1954. La novelektita estraro gvidas la societon kun riĉa historio al la tria jarmilo laŭ la programo Kampanjo 2000: Marica Brletić, prezidantino; Zlatko Hinšt, vicprezidanto; Marta Dokić, sekretarino, Nevenka Palković, kasisto kaj Roža Brletić kursgvidanto.

En majo kvin membroj de la Asocio partoprenos en la 51a IFEF-kongreso en La Mans en Francio kaj kiel lastjare en majo gvidas trajnan karavanon al la nacia kroata Esperanto-kongreso. En decembro oni preparas filatelisman ekspozicion en la zagreba ĉefpoŝtoficejo.

*M. Brletić*

*Ĉu vi havas ret-adreson?*
*Jen kelkaj retadresoj en Koatio, kuj uzas Esperanton.*
*Ĉu vi permesas publikigi ankaŭ la vian?*

## Retadresoj de esperantistoj en Kroatio

| | |
|---|---|
| Irina Barač | irinabarac@yahoo.com |
| Latica Bilopavlović | latac@yahoo.com |
| Tomi Haramina | tharamin@public.srce.hr |
| Ivica Ivaci | ivica.ivaci@public.srce.hr |
| Miroslav Jerković | miroslav.jerkovic@usa.net |
| Vladimir Kamenski | vlado@esperanto.nu |
| Jasna Mravlinčić | certus@zg.tel.hr |
| Ivan Munić | ivan_munic@hotmail.com |
| Dalibor Šeatović | sxdalibor@yahoo.com |
| Dalibor Oršulić | dorsulic@yahoo.com |
| Vanja Radovanović | vanja.radovanovic@sea.ericsson.se |
| Ljiljana Srdić | lilasr@hotmail.com |
| Ivan Špoljarec | ispoljar@public.srce.hr |
| Stjepan Žgela | stjepan.zgela@usa.net |
| *Esperanto-societo Rijeka* | *esperanto-ri@ri.tel.hr* |
| *KEL, Bude Borjan, Spomenka Štimec* | *esperanto@zg.tel.hr* |

# MLADEN ŠERMENT (1920-1999)

Li naskiĝis la 16-an de julio 1920 en Zagrebo, kie li finis aktoran lernejon en 1938 kaj de tiam profesie aktoris en pluraj zagrebaj teatroj. Dum la dua mondmilito li aliĝis al kontraŭfaŝisma movado kaj daŭrigis sian teatran agadon sur liberigita teritorio. Post la milito li membris en Kroata Nacia teatro, en Drama Teatro (poste nomita Gavella), en Komediteatro kaj ludis gravajn rolojn en multaj dramoj. Li aparte famiĝis per unu el la ĉefroloj en la filmo *La mastro de la propra korpo* filmita per kvindekaj jaroj en la kajkava dialekto de la kroata lingvo. Poste li specialiĝis pri la dialekta prezentado. Li ludis en kelkaj tre popularaj televidaj serioj, recitadis poezion (ĉefe en la kajkava dialekto), paroligis animitajn filmojn ktp. Okaze de lia morto la kroata televido memore al li reelsendis la jam menciitan filmon.



Šerment esperantistiĝis en 1936 en Zagrebo sed teatre en Esperanto aktiviĝis, kiam Srđan Flego fondis Internacian Artan teatron en 1957. Jam en 1958 li ludis en UK de Mainz en *Reaperantoj* de H. Ibsen (reĝisorita de Flego). Dum la 12 jaroj de IAT (1957-1969) li ludis en *Kurioza okazaĵo*, de C. Goldoni (ĉefrolo), *Advokato Patleno* de nekonata aŭtoro (ĉefrolo), *La urso* de A. P. Ĉehov, *La respektema P...* de J. P. Sartre, kiun li ankaŭ kunreĝisoris, en *Onklo Maroje* de M. Držić (ĉefrolo), *La unua poŝo* de F. Molnar, *Homo kun la floro enbuŝe* de L. Pirandello (ĉefrolo), *Skatolo kiu muzikas* de N. Šinkiĉi (ĉefrolo), *La analfabeto* de B. Nušić (la nura kiun en dua restarigo kun SEK oni video-filmis en 1984), *La sonoriloj* de S. Rozman. Pri tiu fazo de lia teatra agado en Esperanto en la libro *Universalaj Kongresoj kaj la E-teatro* estas plurfoje menciite, ke la kritiko ĉefe ĉiam laŭdis la ludon de Mladen Šerment.

En 1959 fondiĝis la Drama sekcio de Studenta Esperanto-Klubo en Zagrebo. La membroj petis Mladen Šerment fariĝi ilia reĝisoro kaj arta gvidanto. Li tion akceptis. Mi iom citu el mia teksto aperigita en la libreto *Internacia Kiso* okaze de 25 jaroj de la Sekcio (1985): "Sed la persono numero unu de ĉiuj tiuj jaroj estis la longjara gvidanto kaj reĝisoro, profesia aktoro, Mladen Šerment. Li reĝisoris ĉion kion oni faris ĝis 1976 kaj poste denove en 1980 kaj 1984, kaj li mem aktoris en pluraj teatraĵoj. Li estis la "movspirito" de la Drama Sekcio. Lia entuziasmo kaj kapablo animigi junajn amatorojn estis dum dudek jaroj la ĉefa kohezia forto de la Sekcio, kaj ankaŭ nuntempe li rolas kaj helpas, kiam ajn oni lin petas. Profesiulo en tiu laboro neniam ricevinte monon por tio, li estis homo, kiu meritas specialan lokon en historio de Esperanto-kulturo."

Li reĝisoris novprilaboron de *La morto de lia ekscelenco* de Matković, *La autobiografion* kaj *La analfabeton* de Nušić, *Virinaj interparoloj* de D. Radović, *Skatoleto kiu muzikas* de N. Šinkiĉi, *La urso* de Ĉehov, *Kiel kreiĝis Robinsono* de Iljf kaj Petrof, *Bona leciono* de Averĉenko, *Agrikultura gazeto* de M. Twain, *Stilekzercoj* de R. Quenaeu, *Fudbaldelikto* de Kishon, *Amo per proverboj* de Azevedo, *Saluto al paradizo* de B. Golden kaj multajn skeĉojn, monologojn, poezirecitaĵarojn...

En 1967 li reĝisoris kaj voĉlegis kun Nevenka Imbert la sondiskon *El poezio de Julio Baghy* kaj poste en 1987 li voĉlegis por la sonkasedo uzata en la Zagreb-metoda E-instruado.

La Drama Sekcio de SEK ludis liajn spektaklojn en 6 UK-oj (Rotterdam 1967, Madrid 1968, Helsinki 1969, Beograd 1973, Stockholm 1980 kaj Antwerpen 1982), en 3 SAT-kongresoj (Kuopio 7a, Bergamo 74 kaj Den Haag 75), en 7 TEJO-kongresoj (Vraca 63, Pecs 66, Tyreso 69, Graz 70, Sarajevo 73, Tesaloniko 76 kaj Austerlitz 79) kaj en IFEF-kongreso en Maribor 1971.

Mladen Šerment interesigis por Esperanto pliajn du profesiajn aktorojn: Julije Perlaki kaj Vida Jerman. Ili kunaktoris iom da tempo en la Drama Sekcio de SEK kaj Vida Jerman poste memstare daŭrigis sian teatran karieron en Esperanto.

Kiel fama aktoro en Kroatio Mladen Šerment ofte estis intervjuata de diversaj publikaj medioj kaj preskaŭ ĉiam li parolis ankaŭ por la ĝenerala popularigado de nia lingvo en Kroatio.

Sendube Mladen Šerment estas unu el la ĉeffiguroj de teatra Esperanto-kulturo en la dua duono de la unua jarcento de Esperanto-movado entute. Profunda analizo de la konsekvencoj de lia agado (altigo de la nivelo de la E-teatra kulturo, pedagogia valoro edukante pli ol cent amatorajn aktorojn, plua ekzisto de tio kion li plantis: La Drama sekcio de SEK, agado de Vida Jerman, devus ankoraŭ esti farota por konstati, ke lia kontribuo en la E-movado estis multe pli valora ol parolas la nuraj sekaj ciferoj prezentitaj en ĉi tiu artikolo. Mladen meritas apartan libron. Mi esperas, ke la nuna E-movado en Kroatio kun la helpo de UEA trovos la monon kaj homojn por eldoni monografion pri M. Šerment.

*Zlatko Tišljar*

**LITERATURO:**

MARINKO GJIVOJE: LEKSIKONO DE AKTIVAJ JUGOSLAVIAJ ESPERANTISTOJ (VOĈO, 1985, BOROVO)

ZOFIA BANET-FORNALOWA: UNIVERSALAJ KONGRESOJ KAJ ESPERANTO-TEATRO (ELD. ALFRED CONZETH, KAJERO 2, METTMANN, GERMANIO 1990)

ZOFIA BANET-FORNALOWA: SKIZE PRI ESPERANTO-TEATRO (ELD. ALFRED CONZETH, KAJERO 1, METTMANN, GERMANIO 1990)

ZLATKO TIŠLJAR: INTERNACIA KISO, 25 JAROJ DE DRAMA SEKCIO DE SEK EN ZAGREBO (SEK, ZAGREB 1985)

Dum la enterigo la 8an de marto adiaŭis de M. Šerment per Esperanta parolado Vida Jerman kaj Damir Mikuličić.

# VUALO DE L'SILENTO
## SAT, PARIZO, 1997

La libro estas la unua libro de la alĝeridevena aŭtorino Ĝura. La fancling-va originalo de la libro aperis en 1990. Ĝin esperantigis belgo Henri Castiau en 1991, neĝisvivante le eldoniĝon de la libro.

Vualo estas neĉiutaga, frapanta, nekredebla vivrakonto de virino, kiu nur volas esti amata kaj sindoni. La romano komenciĝas per la kulmino: en la jaro 1987 en Parizo, sur Sejno, ŝiaj frato kaj nevino atakis ŝin graveda kaj ŝian kunulon – francon. La atakon mendis ŝiaj parencoj, ĉar ŝi estante el la islama kulturo vivis kun "fremdulo". Per tio ŝi transpaŝis la tradiciaj leĝoj kaj senhonorigis sian familion, precipe la viran parton de la familio – la patron kaj la fratojn. Tial laŭ la familia koncepto la familianoj rajtis puni ŝin, eĉ mortigi ŝin. Tiel Ĝura komencas sian rakonton pri la amata lando Alĝerio kaj pri ties montara regiono Kabilio. Ŝi pasigis la fruan infanecon en Alĝerio kaj poste vivis en Parizo. Ni konatiĝas pri ŝia familio al kiu ŝi povis pardoni ĉiujn maljustaĵojn, ĉiun malamon, malestimon, ĉiujn batojn, ĉantaĝojn kaj venĝojn. Estas nekredeble kiom longe ŝi povis suferi, esti naiva, kredi la gepatrojn kaj gefratojn kaj labori por ili, kaj pardoni ilin, spite al ĉio, spite al nedankemo kaj malfeliĉo. Ekde ŝia infanaĝo ŝi sentis la maljustecon pro la pozicio de la virino en la mondo de kabila kulturo kaj ŝi decidis provi ŝanĝi la terurajn vivkondiĉojn de la islama virino, precipe de sia patrino.




Poste ŝi fondis muzikgrupon Ĝurĝura – ŝi nomis la grupon laŭ la monto de sia regiono. La grupo en sia muzika repertuaro kunligis la berberan tradicion kun moderna tradicio. Ŝi fariĝis konata kantistino kaj komponistino, kantante pri la berberaj tradiciaj valoroj kaj pri la senvalorigitaj virinoj. Ŝi esperis per sia muziko helpi kaj kontribui al la lukto por pribonigo la kondiĉojn de la mondo de virinoj. Per sia rakonto Ĝura suprenlevas la vualon de sur la mondo de la virino enfermita en la mondon de la tradicia alĝeria islamo. Admirinda estas ŝia priskribo de Alĝerio. La verko estas skribita relative facile. Por mi tio estis mia unua tralegita libro en Esperanto, kiu portis legantojn en la mondon de memoroj, sentoj kaj spertoj, kiuj ne devus resti nekonataj al ni.

*Recenzo de Gordana Jurina*

## Libro de Spomenka Štimec en la japana




En Tokio aperis en februaro 1999 la japana traduko de la originale Esperantlingve verkita libro de Spomenka Štimec *Tena - Hejmo en Mezeŭropo.* La unua eldono aperis en Vieno ĉe Pro Esperanto en 1995. La japanan tradukon prizorgis MORI Singo, la libron en mil ekzempleroj eldonis la tokia eldonejo Nippon Toyo Kankoukkai. La libro estas riĉigita per la desegnoj de la fama kroata pentristo Ivan Lacković- Croata. Dum la solena lanĉo de la libro en la zagreba Hotelo Esplanade pri la libro parolis la 24an de marto 1999 Dalibor Brozović, Judita Rey-Hudeček kaj Damir Mikuličić. La eldonisto el la eldonejo *Izvori* esprimis sian pretecon eldoni la kroatan version de la libro, kiam ĝi pretos. El la libro legis en Esperanto kaj la kroata Vida Jerman kaj en la japana Yoko Kogo.

Pri la pontado per Esperanto al Japanio raportis TV-elsendo *Hrvatska, dobro jutro,* kaj aperis artikoloj el *Večernji list* kaj *Vjesnik.* Dua sekretario de la Japana Ambasadejo en Zagreb kaj tri japanaj ĵurnalistoj ĉeestis la eventon.

## HEA gastiĝis la Mezeŭropajn Landajn Asociojn

Hungaria Esperanto-Asocio gastigis la gvidantojn de la Landaj Asocioj dum la Konsultiĝo en Budapeŝto 18-21a de marto 1999. La ĉeestintaj reprezentantoj de LA el Hungario, Kroatio, Pollando kaj Slovakio akceptis la rezolucion, direktitan en la naciaj lingvoj al la ŝtataj gvidantoj de la menciitaj landoj, pledante pri pli forta apliko de Esperanto en internaciaj rilatoj. La konsultiĝon prezidis la prezidanto de HEA, hungara dipolomato György Nanovfszky. La ĉeestintoj vizitis interalie la ejojn de HEA kaj la budapeŝtan Esperanto-domon kun la redakcio de *Eventoj.* La venontan konsultiĝon en septembro gastigos Slovakio.



Sur la foto G. Nanovfszky, J. Vajs kaj O. Princz en HEA

*S. Štimec*

# SEK HAVAS NOVAN TEATRAĴON!



De 27a de Decembro 1998 ĝis 3a de Januaro 1999 en Kassel (Germanio) okazis 42a Internacia Seminario kuntemo "Dependeco – faktoj – sekvoj – solvoj". Tiun seminarion ĉiujare organizas Germana Esperanta Junuralo en alia germana urbo. Ĉi jara seminario havis 280 partoprenantojn el 23 landoj.

El Kroatio partoprenis 25 junaj homoj kaj la Drama grupo de Studenta Esperanto-Klubo akiris multajn simpatiojn per la teatraĵ *Evidente nevidebla.* Dum la aranĝo, Zagreb estis prezenta kiel organizanto de UK 2001.

La premieron de Kassel Drama Grupo prezentis la 18an de marto en Zagreb kadre de SKAZ, Revuo de amatoraj teatraj grupoj de Zagreb. La nova teatraĵo estas komuna verko de vigla ensemblo gvidata de Tea Janković .

"Mallonga drama teksto per 6 aktoroj 1 aŭtoro, du publikoj, du spektantoj, 1 infano kaj 1 teknikisto" estas la longa titolo de la teatraĵo de SEK premiere prezentita en Rijeka, kiu gastos en Universala Kongreso en Berlino 1999.

*Vladimir Dujnić*

# LA SESA MIRO




La sesa MIRO, la plej granda aranĝo de Kroata Esperanto-Junulara Asocio gastis fine de marto en Zadar sub la gvido de la nova prezidanto de KEJA Ljiljana Srdić. Pli ol 50 junaj homoj, ĉefe el Kroatio, kun kelkaj eksterlandaj gastoj ĝuis la komunan etoson en Borik ĉe Zadar. La Drama Grupo de SEK elstaris per sia kohera nova teatraĵo, kiu ricevis plurajn kuraĝigajn komplimentojn dum la marta prezento en la revuo de la kroataj amatoraj teatroj. ❍

**Post IJK**

## DONACO POR LA URBESTREJO DE KAWASAKI




La legendo pri la morettoj, la simboloj de IJK en Rijeka, publikigitaj en la Kongreslibro de la IJK en Rijeka sub la titolo *La lasta batalo de la moretto* de Spomenka Štimec estis eldonita en Japanio en la traduko de Mori Singo sub la japana titolo *La orelringo el Rijeka.* Ekzemplero de la libreto estis sendita al la urbestrejo de Kawasaki, la amika urbo de Rijeka kaj ankaŭ al la urbestro de Rijeka, Slavko Linić.

*Mori Singo*

## ANDREJ KAJ LA RUSA BANKKRIZO



...Kaj mi festis mian naskiĝtagon en Budapeŝto kaj tie mi komprenis, ke la banko elŝaltis mian kreditkarton. Mi restis kun 5 $ en la poŝo. Grandaj amasoj deziris ricevis sian monon el la bankoj kaj ne povis. Unu konato pruntedonis al mi la monon por la bileto kaj mi forflugis ĝis Moskvo. Problemo estis ankaŭ tio, ke mi el portis el Moskvo al Siberio rulseĝon por invalida esperantistino. La seĝo alvenis el Montpellier per aliaj esperantistoj. Pro sufiĉe granda pezo, 30 kg, mi devis pagi mian tutan monon por la troa pezo por transporti ĝin. Kiam mi alflugis al Krasnojarsko mi eĉ kopejkon ne havis. Mi povis atingi la urbon el la flughaveno nur dank' al tio, ke la flugkompanio organizis senpagan buson por la pasaĝeroj. Jen miaj aventuroj pro kiuj mi estis en spirita malfortiĝo, ĉar mi ne havis salajron, ĉar la krizo ekonomie skuis mian revuon.

*Andrej Grigorjev*

Nia amiko jam refortiĝis kaj planas renkonti ĉiujn karajn amikojn en Zanka ĉe IJK 99!

## ADIAŬ IJK!

Dalibor Oršulić, la kasisto de KEJA post multaj horoj da kalkuloj kaj post multaj pagitaj fakturoj, povis, laca kaj kontenta, konstati, ke la kroata IJK en Rijeka ne havis financan deficiton.

*S. Štimec*

Renkonte al la Esperanto-Kongreso en Osijek en la regiono Slavonio

**JOSIP KOZARAC**

# SLAVONIA ARBARO



Kiu almenaŭ unu fojon estis en tiu nia malnovega arbaro, kun tiuj belegaj arboj, rektaj puraj kaj altaj, kvazaŭ mulditaj, tiu neniam povas ĝin forgesi. Leviĝas tie grandiozaj kverkoj kies grizeta krusto estas kovrita per rektaj sulkoj, kiuj fluas laŭ la tuta dudek metrojn alta trunko kun forta kaj larĝa branĉaro, kiu ĝin kronis same kiel belkreskan junulon fela ĉapo. Fiere ili viciĝas unu apud la alia, kiel iam fortegaj soldatoj limgardaj, dum el la tuta ilia figuro vi legas, ke ili gigantas laŭ la forto, ke ili spitas ventegon kaj fulmon, kaj estas la plej fortaj kaj noblaj en sia regno kaj speco.

Kaj kiam milda vento supre komencas bloveti, kaj malmola glata foliaro jen ekflustras, jen eksusuras kaj ekmuĝas, tiam ŝajnas al vi ke petolaj feinoj slavoniaj ĉu kantadas en rapida senbrida rondodanco, ĉu tristavoĉe rakontas pri la ĉagrenoj kaj tristaĵoj el iu fora pasinta epoko - kaj tuj poste ekŝajnas al vi, ke vi aŭdas de supre grandiozan murmuron de preĝeja muziko aŭ malgajan kortuŝan kanton surtomban... Kie la tero iom pli humidas, tie leviĝas svelta hela frakseno, kun blanka ete brodita krusto kaj iomete kurba trunko, sur kies pinto sidiĝis travidebla branĉaro, kiel vualo sur vizaĝo de belulino. Tiel kokete ili staras kaj scivole kaj maltrankvile rigardas supren, ke vi povus diri, ke ili estas elektitaj belulinoj de tiuj fieregaj rigidaj soldatoj... Jen kaj jen stariĝis ankaŭ nigra ulmo, rekta kiel fingro, kun etaj pendantaj junaj branĉoj kaj kirasa kursto, ĉiam iel malserana kaj malbonhumora, vera pesimisto kaj kaŝmaliculo... Tiuj tri arboj interbatalas por esti ĉefa laŭ la forto kaj grando. Ĉi tie superas la kverko, aliloke la frakseno kaj ulmo - ili rolas same kiel la leono kaj tigro en la regno de sovaĝaj bestoj... Kaj sub ili, aŭ inter ili, enpuŝiĝis karpenoj kaj aceroj, larĝbranĉaj, tuberaj kaj kriplaj - vi pensas ke vi vidas dorskurbigitan serviston, kiu vindas kaj envolvas la piedojn de sia mastro, por ke ili ne malvarmiĝu. Estas tio arbaraj evitinduloj, sklavoj kiuj ekzistas nur por nutri kaj fekundigi la teron al la alta kverko, kiu en sia supereco ne havas tempon por tiu bagatelaĵo...

...Kiam ajn mi iris tra tiu arbaro, ĉiun fojon mi ion novan vidis, ion novan lernis; ne estas ĝi nigra, senvoĉa, morta, kia ĝi aspektas en la horizonto, sed ene spiras la vivo kaj la mondo originala, natura, kie la naturo senkompare antaŭ viaj okuloj kreas kaj detruas, esploras kaj riparas. Por tiu, kiu ĝin trairas sen koro kaj emocio, restos ĝi certe senviva arbaro, aŭ pli ĝuste la spaco prikreskita per arboj, sed kiu komprenas ĉiujn ĉi sekretajn voĉojn kiuj vivigas la arbaran spacon, kie delikata kanto miksiĝas kun antaŭmorta krio, kie milas diversaj sonoj kaj resonoj, jen etaj kaj altaj, jen grandaj kaj profundaj, jen karaj kaj agrablaj kiel iu muziko, jen doloraj kiel sopiro de kompatinda patrino - tiu kredos sin iel pli proksima al si mem, kaj al siaj propraj sentoj en tiu duonnokta, grandioza spaco.

***

En tiu sezono, je la Sankta Elija-tago, oni ĉaspafas junajn sovaĝajn anasojn, kiuj tiam komencis flugi; en tiu ĉasado oni devis ĝis la talio stari en akvo kaj karekso, kaj dum unuj ĉasantaj marŝas tra la akvo pelante kaj pafante, la aliaj trafalĉas larĝan koridoron en la karekso, kaj en tiu loko atendas la anasojn, fuĝantajn for de la pelantoj. La pafado daŭras ade kaj ade; estas tio unu el la plej viglaj ĉasoj, dum kiu oni multe pli da polvo kaj plumbo forpafas, ol la pafitaj anasoj valoras. Kelkaj homoj havas ankaŭ hundojn, kiuj mem kaptas junajn birdojn flugolernajn, kaj portas ilin vivajn al la ĉasantoj... Dume oni kaptas kelkan karpon aŭ ezokon kaj ĝis kiam la ĉasantoj sin revestas kaj deŝiras de si hirudojn, la karpo jam estas salumita kaj fritita super karbo, kaj la konata brulodoro de fiŝo kaj salo disvastiĝas tra la tuta ĉirkaŭaĵo, tiklante per nerizistebla forto la stomakojn, malsatiĝintajn en la akvo...

*(fragmento)*

ESPERANTIGIS DAVOR KLOBUČAR

Josip Kozarac (Vinkovci, 1858 - 1906), kroata verkisto. Studis arbarkulturon en Vieno. Profesie ĉiam ligita al arbaroj. Bona konanto de la vivo, moralo kaj psikologio de slavonia vilaĝano, ofte volis helpi al li konsile. Li mallaŭdis lian senzorgecon kaj nekonstantecon, kaj favoris la vilaĝon kontraŭ la urbo, dezirante ke homoj ne fuĝu el la vilaĝoj al la falsa *sinjoreca* vivo en la urboj, sed ke ili restu, kaj vivu racie, sen tro troa lukso. Kozarac verkis multajn novelojn *Tena, Slavonia arbaro, Mia avo, Tri tagoj ĉe la filo,* kelkajn romanojn *Morta kapitalo.* La novelo *Slavonia arbaro* estis publikigita en 1888. En Esperanto aperis *Tena* en traduko de Josip Pleadin, 1984.

Slavonio: la vorto Slavonio estas en PIV malkorekte difinita kiel malnova nomo por Kroatio. Ĝi estas unu el la kroatiaj regionoj. Ĝi situas en nordorienta Kroatio, inter la riveroj Danubo (oriente), Drava (norde) Sava (sude) kaj Ilova ( okcidente). Krom kelkaj malaltaj montoj, tie troviĝas la Panonia ebenaĵo. Slavonio fariĝis preskaŭ sinonimo por lando ebena, fekunda, terkultura, riĉa kaj kun diligentaj homoj kaj gaja kanto. Osijek estas la ĉefurbo de Slavonio.

Slavonia arbaro: en antikva tempo Slavonio estas preskaŭ tute kovrita per arboj. Sed kresko de la civilizo kaŭzis, ke la arbara surfaco iĝis ĉiam malpli granda. La ĉefa arbo en tiuj arbaroj estas kverko de la speco *quercus robur,* kroate nomata *lužnjak.*

La kvalito de la slavonia kverko estas eble la plej alta en la mondo. Intensa industriigo, kreskigo de urboj kaj vilaĝoj kaj grenaj kampoj ekde la fino de la 19a jarcento kaŭzis pluan perdiĝon de la arbaroj. Kontraŭ tio oni batalas per reforstumo.

NOVAĴO!
La oka eldono
en 1999!




# ESPERANTO

## UDŽBENIK MEĐUNARODNOG JEZIKA
## LERNOLIBRO DE LA INTERNACIA LINGVO